


# ANARKIO

INFORMA MONATA BULTENO
NOVEMBRO 2010
N° 03




## La Espero

**En la mondon venis nova sento,**
**tra la mondo iras forta voko;**
**per flugiloj de facila vento**
**nun de loko flugu ĝi al loko.**
**Ne al glavo sangon soifanta**
**ĝi la homan tiras familion:**
**al la mond' eterne militanta**
**ĝi promesas sanktan harmonion.**
**Sub la sankta signo de l' espero**
**kolektiĝas pacaj batalantoj,**
**kaj rapide kreskas la afero**
**per laboro de la esperantoj.**
**Forte staras muroj de miljaroj**
**inter la popoloj dividitaj;**
**sed dissaltos la obstinaj baroj,**
**per la sankta amo disbatitaj.**
**Sur neŭtrala lingva fundamento,**
**komprenante unu la alian,**
**la popoloj faros en konsento**
**unu grandan rondon familian.**
**Nia diligenta kolegaro**
**en laboro paca ne laciĝos,**
**ĝis la bela sonĝo de l' homaro**
**por eterna ben' efektiviĝos**




**Vi vidas imagojn do IXª Anarkiistaj Esprimoj - 2010 en: http://anarkio.net m.e: exprana@riseup.net**




## Redakcio

En la totamondon alsaltas gajnavideco kaj ambicio, oni plivastigas klasbatalo kaj ĝi faranto ĉiujn viktimojn ties stulteco sen limojn.

Nia popolo subtenas funkcianto tio sistemon kaj ĝi estas logata aŭ perfortata en malĉesi, sed oni estas tempo de ni staras kaj kruci niajn brakojn dum striko kaj ĝenerala striko en internacia kaj solidara formo, t.e. de ĉiujn.

Dum nia popolo soferas en la vicoj kie ĝi aĉetos ĉiojn aferojn kaj ĝin estas traktadoj per panero kaj cirko kaj ĝin kondukas al degeneraĵo, malsaneco kaj sofereco, la kontraŭaj posendantaj trupoj estas sen limoj kaj ĝi ĉiojn faras, ĝi ĉiojn volas kaj se necese ĝi kondukas mizeron kaj soferecon al ĉiujn.

Tioj trupoj trograndigas ĝia povon sur timo kio mem ĝi krias, ĝi faras milito, ĝi trograndigas policojn kaj armeojn kaj ĝi diras kion nin estas ĝiaj malliberulojn, ĝiaj garantiuloj kaj ĝiaj aĉetantoj, oni tenanto totalisma rado turnanto.

Ni komprenas tion kaj ni diras per nian rektan agon: NI NE VOLU PLI! NI NE INTERKONSENTU PLI! NI NE KOMUNIKU PLI TION EKSPLUATADO KAJ TIRANECO!

Nia luktu ĝis nian tutan emancipecon!

## IXª Anarkiistaj Esprimoj - 2010

Oni okaziĝis naua ediciono ties evento kio oni kunigis anarkistoj de diversajn lokojn de San-Paŭlio kaj ĝis personoj, grupoj kaj kolektivoj de aliaj lokoj kaj ĝis de aliaj landoj. En la tagoj 11 kaj 12 de Oktobro, en la Corrente Libertadora sidejo kie havas tre emocian energion.

Dum tio naŭa ediciono estis efektivigita unu materiaj anarkistaj ekspozicio per librojn, afiksojn, pamfletojn kaj ĵurnalojn de diversaj lokoj kaj de diversaj aspektoj de la liberacana lukto.

Granda noveco estis traduktajn materialojn por la Laborista Federacio de San-Paŭlio – Piracicaba kerno, tra de Diego Gimenez Ateneo, ili alportas al nia lingvo valorajn titolojn kiel "Anarcossindicalismo Básico da CNT Sevilha", "A Escola Moderna de Francisco Ferrer", "Comunismo Libertário, aliajn iojn. Ĉioj venditaj per kusta prezo, kaj ankaŭ oni estas disponeblajn en intereto al elŝuti PDF formato: http://ateneudiegogimenez.wordpress.com/.

Dinamika aktiveco estis ĉiam malfermitaj kie iu konatigis kaj diskutis tio pli interesa afero.

En la du tagoj estis fojoj prezentoj sur anarkiismo kaj liberacana konversacio estis vigle kaj tre utila por ĉioj ke tie estis.

**TIO ESTAS LAIKA SPACO! FOREN LA PASTRARON!**

## Gelaboristoj emancipigxas per mem laboro




Ni reproduktas ĉi tie unu malgranda peco de la Informa Bulteno Numero 1.

Farita ĝin en 25 de julio de1936, oni estas ĝin ankaŭ en la intereto: http://informabulteno.wordpress.com/1936/07/25/ , bonan legon!

### MORTIGITOJ EN BARCELONO

Laŭ statistiko havebla al ni ĝis hodiaŭ, dum la bataltagoj en Barcelono, perdis sian vivon pli ol 550 personoj.

Proksimume 200 kontraŭfaŝistoj estis mortigitaj dum liktado kontraŭ ribelantaj milistoj. Em malamikaj vicoj la plejmulto el la falintoj estis devigataj soldatoj. La "sinjoraĉoj", malgraŭ ke ili trankvili eniris en kazernojn, malkuraĝe ili forkuris kiam mortdanĝero alproksimiĝis, multaj soldatoj, kiuj estis trompitaj de la oficiraro mortis, Sed la nombro de la oficiroj estas ankoraŭ pli granda. Kelkaj el ili, estis mortigitaj de soldatoj mem, sed plej multe el ili ricevis morton pro la kugloj de la laboristoj.

Ĝis kelkaj oficiroj, kiuj nekapablaj suferi tian propran honton havigis kontakto per mortpafon.

---000---000---

Dum 1a sama taga estis murdita la k-do Fernandez. Tiu ĉi k-do estis administrando de la organo de la Anarkista Junularo "Ruta". Li estis tre aktiva kamarado.

### Petro lernas metion.

**(Ĉi tio estas peco de la Kursa Lernolibro por Laboristoj, pli infomojn: http://informabulteno.wordpress.com/2010/08/26)**

Petro estas kontraŭdogmulo. Nenio en la hejmo estis instruata al li, kio povus veki ĉe li religiajn sentojn kaj religiemon. En la lernejo li mem kontraŭstaris fortvole al tie ricevitaj instruoj, kiuj estis kontraŭaj al la libera pensado de la gepatroj. Dum aliaj knaboj, kiuj forlasis kun Petro la lernejon, devis ĉeesti religiajn ceremoniojn por festi la transiron el la knaba aĝo en la junulan aĝon, Petro jam havis sian opinion, ke religio estas veneno por la popolo. Li ricevis simple sian ateston pri kapabloj. Kiam li alportis ĝin hejmen, la gepatroj videble estis ĝojigitaj pri liaj bonaj lernatingoj.

Petro ankaŭ ne emis, kiel multaj el la knaboj, kiuj malbone komprenas sian novan "liberon", fumi aŭ trinki alkoholon. La patro kompreneble zorgis pri dungigo de Petro ĉe iu metiejo, kie li povus lerni metion kaj fariĝi lerta kaj kapabla laboristo. Estis decidote, ĉu li iru en la grandan fabrikon, kie laboris la patro, aŭ en malgrandan laborejon, kie troviĝis unu el la klaskunuloj de Petro. Post pripenso oni trovis pli facile realigebla la duan eblon, kaj Petro forlasis nun ĉiumatene la domon en same frua horo kiel la gepatroj, por atingi ĝustatempe sian laborejon.



## "Senekonomia kaj sensocia egaleco, politika egaleco estas iluzio". M. Bakunin

### Ni bezonas volontulojn!

Nia iniciatemo bezonas volontulojn por skribi, traduki, desegni aŭ por iu ajn kontribuaĵo.

Ĉia helpo estas bonvenan, dankon!

Sanon kaj anarkion!

Kontaktojn:


**Fenikso Nigra**
**CP: 999 – CEP 13001-970 Campinaso – San-Paŭlio**
**Aŭ**
**Sindikato el Artaj kaj Diversaj Oficoj Laboristoj de Campinaso (SADOL-Campinaso)**
**asociito de Brazila Laborista Konfederacio (BLK) – Internacia Laborista Asocio (ILA)**
**CP: 5005 – CEP 13036-970 – Campinaso -San-Paŭlio**
**m.e.: fenikso@anarkio.net m.e.: campinas@fosp.cob-ait.net**
**http://anarkio.net http://fosp.anarkio.net http://cob-ait.net**







